3.ª JARO N.º 36 MONATA ESPERANTO-GAZETO 1 MAJO 1938

# Popola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## La 1.ª de Majo ne valoras en prozo de manifestoj, kiam en Hispanio furiozas terura milito!

La klara intuicio de la tutmonda proletaro devas kompreni jam, ke nepre tuj malaperos, sen honoro nek rezisto—kun honto!—la plej fundamentaj principoj kaj rajtoj, se oni akceptas fatale ties pereon, ne aplikante oportune la forton de pompaj organizoj, kiuj se ekzistas por io estas precize por tio...

## BABILADETO INTER NI

Sen granda miro, ni supozas, ke kelkaj piaj personoj jam faris al nia POPOLA FRONTO pli aŭ malpli sinceran epitafon. Tamen ni, kiel gazeta estaĵo, ankoraŭ vivas, Kaj se nia kara informilo vivas, tio plene signifas-jen grava detalo-ke la hispana popolo, anstataŭ pereadi sub la hufoj de faŝistoj, pli obstine ol ĉiam svingas la tre arogan devizon de Durruti, la anarkisto preta rezigni je ĉio escepte pri la venko...

Sed, kompreneble, ankaŭ estas vero, ke la nunaj fortaj puŝegoj de la monstro efikas videble en la normala evoluo de nia entrepreno. La vicoj de la Popola Armeo postulas la freŝan energion de novaj kontigentoj. La ĉefredaktoro mem, kun aliaj redakciaj helpantoj soldatiĝas; k la teknika laboro estas peza por manoj ne tute spertaj. Sed ne ja haltas tie la malfacilaĵoj: ankaŭ en la presejo, la du specialaj kompostistoj, kiuj tre zorge, dum unu jaro k duono, literon post litero, kompostadis la plenan kolekton, ĵus ricevis ordonon posteni en la militista Eskadro, kie ili ambaŭ militservis antaŭ dek jaroj.

Se al tio aldoniĝas krome: malabundo de papero, triobligo de la poŝtaj elspezoj k natura manko de tempo, ĉiuj niaj legantoj konsideros prava la decidon provizore monatigi la gazeton k redukti la paĝojn ĝis la limoj de rigora bezono. Kun pli aŭ malpli bela aspekto, ĉiam la vigla heroldo zorgos rakonti al siaj amikoj la plej reliefajn epizodojn de nia milito. Kaj la klara voĉo de la antifaŝista esperantismo estos certe pli taŭga alarmilo ol multaj teoriaj rezonadoj.

Pro tio, certe estus por ni pli ĉagrene ol eksplodo de bombego konstati, ke, antaŭ la deviga provizora malfacila etapo, velkus la solidara emocio ĉe kelkaj amikoj. Konsciu do ĉiu leganto pri la granda valoro de ĉi tiu malnova vizitanto de lia hejmo. Se ĝi nun ne povas tiel ofte fari la viziton, tio ne estas pro ĝia kulpo, sed pro la akutaj fazoj de la aktuala situacio, kies akraj konturoj baldaŭ mildiĝos jam, se la demokratoj helpas nian Respublikon kun la sama fervoro ol la esperantistoj subtenas nian gazeton.

## Gloro kaj Doloro en Izoliteco

Ĉu vere ni estas solaj en nia aktiva lukto kontraŭ la Faŝismo internacia? Tiu ĉi estas la demando, kiun multajn fojojn ni prezentis al ni. Kaj ĉiam ni evitis kuraĝe konfesi, ke la izoleco estas kruda vero en nia epopeo. Kvankam ni perceptas la varmon de romantika solidareco de multaj popoloj, niaj malamikoj, ĉiutage pli cinike, profitas je la materia helpo de kelkaj registaroj. Jes! en elĉerpiga batalo, je kies rezultato dependas la tuja sorto de Eŭropo—ni diras tion sen emfazo—Hispanio staras sola! La brava popolo, kiu en la ĉefaj urboj komence renversis la ribelon, bezonis preskaŭ du jarojn por fari la plej doloran konkludon: Hispanio staras sola! Hispanio sangas tra miloj da vundoj, dum la diplomataj marĉandistoj kalkulas pri nia malvenko, kiu malfruas jam tro multe... por iliaj filistraj intencoj.

Intertempe la popoloj ĝuas la feliĉon de normala vivo. La bomboj ne krevas sur pavimo de stratoj aŭ sur tegmentoj de domoj. Virinoj k infanoj ne pereas sub la eksplodegoj. Centoj da miloj da junaj aŭ plenaĝaj viroj ankoraŭ ne foriras ĉiutage stoike renkonte al la morto. Ankoraŭ ne hodiaŭ okazas tio en la diversaj nacioj de la mondo. Hispanio, tamen, jam eltenas tiun ĉi angoran staton dum la longa daŭro de dudek du monatoj...

En la konto de niaj dankoj, ni ne forgesas la faktajn atestojn de la internacia solidareco: kelkaj miloj da fervoraj volontuloj, gajnintaj per sia alpaŝo la nomon de hispanoj, ŝtofoj, medikamentoj k ambulancoj. Utila k oportuna apogo sed ne definitiva rimedo, ĉar en konflikto tiel terura kiel la nia, la milita materialo ludas la ĉefan rolon. En la mildaj koroj de la internacia amaso, nia dramo vekis kompaton, sed ne plene ĝi gravuris en la cerboj la veran signifon de sia brulado. Eble pro tio, oni ne konscias ankoraŭ nun, ke la milito de Hispanio ne estas nur privata afero por la hispanoj, sed por ĉiuj homoj de la mondo; ke la insista peto pri aviadiloj, kanonoj k tankoj ne estas impertinenta krio, sed urĝa postulo por eviti al ĉiuj la suferojn, kiuj galopas sur la malfeliĉa lando de antikvaj iberoj...

Sed Hispanio ne akceptas la kolonian rolon, kiun asignis al ĝi la imperialistaj mastroj de la diplomataj farsoj. Ili decidis kanajle pri nia destino, sen atento al la detalo, ke la hispanaj ostoj estas tre malmolaj k ne fleksiĝas antaŭ servutaj riverencoj. La armeo de la Respubliko, la popola soldataro, rezistas k atakas. Ĝi rezistas tie, kie la sorto devigis ĝin esti amboso, atakante ŝtorme tie, kie la situacio ebligas ĝin esti martelo.

Neniu laciĝas. Nenio grumblas. La popolo reagas tre vigle, ĉar ĝia kapablo por ĉia sufero estas neelĉerpebla. La hispanoj heredis de siaj avoj la mirindan kvaliton ne kredi je la fatalo. Kaj kiam en gravaj momentoj, kiel nun, la gvidantoj de tiaj kondiĉoj estas homoj firme pretaj marŝi ĝis la fino; la pesimistoj fiaskas dum konfuziĝas la kalkulemaj teknikistoj, fidantaj tro absolute je la efiko de seka matematiko. Tio ja estas la sekreto de nia rezistokapablo. Kaj ni venkos, malgraŭ la potenco de niaj malamikoj!

Ĉu solaj? Nu bone; estu nur do niaj la gloro k la doloro! Ni defendos nin per ungoj k dentoj, per plej ekstremaj rimedoj, konsiderante kiel malamikon ne nur tiun, kiu nin atakas, sed ankaŭ ĉiun, kiu ne permesis—nek permesas—al ni akiri legitimajn defendilojn kontraŭ la maljusta atakego.

# JEN KONSCIA BATALEMO!

«La situacio akriĝis en la frontoj!». Tiuj poroloj ne nur atingis la orelojn de niaj volontuloj, venintaj k venontaj, sed ili trafis ankaŭ la vunditojn.

En la modelaj hospitaloj de Murcia, eksonis la voko: «Kiu volas memvole forlasi la hospitalon por returni sur la fronton?» Tuj ni komprenis la gravan taskon, kiun ni devis elteni. La bolanta entuziasmo pelis for la dolorojn, la malfortecon k la emon al ĝuo k ripozo.

—Mi volonte forlasas la hospitalon!

—Mi min sentas sana por reveni en la brigadon!— Vigle aŭdiĝis similaj voĉoj inter la vunditoj.

Tiuj ĉi vortoj entuziasmigis, ankoraŭ pli, tiujn iom indiferentajn. Baldaŭ estis videbla belega manifestacio da ducent vunditoj. Ridoj sur vizaĝoj; fido k kuraĝo montriĝis por promesi al la urba loĝantaro:

«Estas ni, kiuj venkos!»

Oni konstatis, ke la civila loĝantaro bone komprenas k tre alte taksas nian laboron. La urbo organizis kunvenegon. La urbestro esprimis, je nomo de la urbo, per emociplena parolado, la tutkoran simpation al la Internaciaj Brigadoj; aldoninte, ke la hispana popolo neniam forgesos pri la dankinda tasko, kiun plenumis la volontuloj el la tuta mondo, sen ia persona intereso, por helpi savi la hispanan popolon de la tiranio k regreso. —Pro tio—daŭrigis la oratoro—ni restos ĉiam dankemaj al vi, en la pleja profundo de niaj koroj... Multaj centoj da virinoj manifestaciis tra la stratoj, akompanante tiujn forveturantajn vunditojn per ŝarĝaŭtomobiloj survoje al la batalejo.

Permesu al mi mencii du kamaradojn, kiuj meritas specialan estimon: k-do M. Geller, kun necikatriĝinta vundo en la brako, pro eksplodema kuglo. Je mia demando, kial li ne restas en lito, sub nunaj cirkonstancoj, tre serioze k grave li respondis: «En similaj momentoj, oni ne pensas pri vundoj!» La alia k-do estas Kaufman, kiu ricevis ripozpermeson por du semajnoj al najbara urbeto, pro lia absoluta malforteco k provisora senkapableco. Malgraŭ tio, li forkuris senpermese el la aŭtomobilo lin portanta al ripozejo, saltante sur tiun, kiu iris al la fronto. Kaj la saman tagon de ilia alveno mem, ili jam partoprenis en ofensivo por repuŝi faŝistan atakon en grava sektoro. Ambaŭ ili estas de la 4.ª Bataliono de la 13.ª Brigado. Rekonon al ili!

Jozefo TENENBAUM
pola esperantisto, volontulo en la 4.ª Bataliono, 13.ª Brigado

## LA UNUA JUNULARSEMAJNO EN NEDERLANDO

La Federacio de Laboristaj Esperantistoj, en la regiono de la nederlanda lingvo, aranĝos kampsemajnon por infanoj de 12 ĝis 18 jaroj, kiuj kontentige kapablas uzi Esperanton. La tendaro estos konstruata sur la—en Nederlando—konata kamptereno Doorn-Aŭsterlitz-Maarn (Nederlando). Sporto, ludoj, promenadoj sur la vasta erikejo k arbaroj, kantoj, k. t. p. formas la programon. La beleco de la ĉirkaŭaĵoj de nia kamptereno speciale alogos partoprenadon en la sendube interesa k ĝuiga kampado. Nederlandaj infanoj pagas fl. 8.- inkluzive la vojaĝkostojn; alilandanoj fl. 3.—sen vojaĝkostoj, do tre malalta sumo. Anoncu vin baldaŭ al:

**K-dino A. C. OBBES**

Boezemlaan, 24, b ROTTERDAM Noord (Nederlando)

## LA XVIII.ª KONGRESO DE S. A. T. EN BRUSELO

La XVIII.ª Kongreso de SAT okazos ĉi-jare, en Bruselo, de la 7. ĝis 13. Aŭgusto en la socialista famkonata «Popoldomo» de Bruselo. Gia sukceso anonciĝas granda. Kompare al antaŭaj Kongresoj, la O. K. K. enregistris-ĝis nun la plej altan aliĝnombron. Rilate la loĝadon oni zorgas pri amasloĝejo k tendejo, krom la kutimaj hotelloĝejoj k ĉe kamarado gastado. Ne-SAT-anoj rajtas aliĝi kiel «gasto» je la samaj kondiĉoj kiel anoj. Ni supozas ke multaj esperantistoj profitos tiun okazon por viziti ĉefurbon de Belgio, kiu multe logas laŭ nia konstato. Gravaj rabatoj sur fervojo k sur ŝipo jam estas konsentitaj en Belgio, Francio, Nederlando, Svedio.

La kongreskotizo estas: 40 fr. belgaj (30 fr. por tiuj kiuj aliĝos antaŭ 1. Junio). La senlaborulo pagos duonon de tiuj kotizoj. Por informoj, oni sin turnu al: Kamarado L. Strainchamps-148 Av. du Roi-Bruxelles.

Por aliĝo k pago, al k-do G. Basteels: 26 rue du Parnasse-Bruxelles-ĝirokonto, 332, 15. Oni ankaŭ povas pagi sur la kontoj de SAT en diversaj landoj. Koran bonvenon al ĉiuj!—*La O. K. K. de la 18.ª SAT-Kongreso.*

# MI BATALAS POR LA INFANOJ DE L' TUTMONDO

Profundaj tondroj rompas subite la pacon de l'urbo. La nigraj birdoj, la birdoj de l' krimo, elĵetas sian mortigan ŝarĝon sur la sendefendan loĝantaron. El la vunditaj kvartaloj leviĝas korŝiraj vekrioj. Ĉio ĉirkaŭe estas fordetruo, pereo, morto...

Io tamen kontrastas kun ĉi tiu granda tragedio. El la infanejo de rifuĝintaj georfoj alvenas gaja muziko. Dum la aeraj buĉistoj semas sennombrajn malfeliĉojn, la kompatindaj etuloj kunkantas sub la pinoj. Ili kantas malnovan kanteton, lernigita de iliaj patrinoj, kiam ankoraŭ ili havis patrinon...

La kontrasto inter la detrua sovaĝeco de la homoj k la nobla sinteno de la infanoj estas tiom forta, ke oni hontas esti homo, persono, viro...

Vidante ĉi tiujn malfeliĉajn etulojn, kiuj ĵus mortis kun la patrina kanteto sur la lipoj, mi komprenis, kiel neniam, la devon de la hispana popolarmeano: Batali por la infanoj! Por ĉi tiuj etuloj, kiuj renaskiĝas el inter la ruinoj de siaj detruitaj hejmoj. Por ĉi tiuj kompatindaj georfoj, kiuj mortas levante al la senkompata ĉielo siajn patrinajn kantetojn, kvazaŭ psalmojn pri la eterneco de la infanaro, tra ĉiaj krimoj de la homaro. Por tiuj malfeliĉaj bubetoj, tiom stoikaj jam antaŭ la timo al la Morto, fortrenitaj de plej kruela barbareco, senigitaj de iliaj gepatroj per ordono de Hitler k Mussolini, la popolmurdistoj, kiuj, ne kontentaj per la orfigo de la infanoj, malpermesas al ili ankoraŭ la rajton je malgranda terpeco, kie povi ludi...

Por multaj aferoj batalas Hispanio. Sed, inter la multaj aferoj, por la sorto de la infanoj sur tutmondo, minacitaj morti kripligitaj en la tuja jam neevitebla mondmilito, provokita per la internacia faŝismo...

La hispana soldato, kiam vidas la infanojn kunludi sub la bombĵetado, premiĝas eĉ pli forte al sia fusilo k pensas, ke li batalas por ke la tutmonda infanaro povu ludi trankvile, sen timo al la infanbuĉado.

Infanoj sur tutmondo: ke ci ne konu almenaŭ la malfeliĉan sorton de la ĉinaj k kispanaj infanoj!

Kompatindaj etuletoj! Rikardo KILES

Fronto de Madrido, 15 - 4 - 38.

**Hispanio, en sia izoleco, klariĝas, al la demokrata mondo, kurson pri la homa digno!**

# ANTIFAŜISTA PILORIO

## NI PAROLU, LASTAN FOJON, PRI UNU MALAGRABLA TEMO!

La famo de fripono estas efemera; ĝi dependas de ŝanĝemaj cirkonstancoj, kiuj elpruvas rigore la homojn, laŭ iliaj agoj k ne laŭ iliaj vortoj. Oni scias, ke nia gazeto k nia ĉefredaktoro ricevis krudajn maljustajn atakojn de internacia aventuristo, kiu, trouzante la fidemon de anarkistaj barcelonaj rondoj, kaptis la gvidadon de «Informa Bulteno» esperantlingva organo de la veteranaj hispanaj organizoj C.N.T.-F.A.I. Kun ega doloro, ni konstatis la fuŝan laboron de tiu individuo, kiu malpurigadis honestan titolon liverante, al la progresema esperantistaro, konfuzigan materialon pri la grandioza batalo, kiun nia popolo eltenas kontraŭ la tutmonda Faŝismo. Pro falsa informado, multaj sinceraj fortoj, akirinte malĝustan opinion, disiĝis k neglektis la brulantajn konvulsiojn de la hispana milito. Kelkajn fojojn, obeante admonojn de nia konscienco, ni intencis lojale dementi diversajn erarajn k tro facilanimajn asertojn de tiu intriganto. Niaj prudentaj rezonoj, tre plaĉe studitaj de pluraj sinceraj amikoj de la popolfronta unueco, vekis, ĉe kelkaj fanatikaj gvidantoj k gvidantetoj de la laborista Esperanto movado, serion da kalumnioj kontraŭ la puraj celoj de nia modesta entrepreno. Se ne pro timo, al la pli aŭ malpli malicaj supozoj de tiuj diletantoj, almenaŭ por eviti la ĉagrenan spektaklon, antaŭ vasta legantaro, de mizere polemikado pri trivialaĵoj inter du fakte samcelaj gazetoj, ni decidis ne sekvi tiun gliteman vojon, malatentante la provokojn de unu senrespondeculo, pro respekto al la estimata organizo C. N.T. kie tiom da bonaj amikoj ni havas.—Ni diru interparenteze, ke dum kelkaj monatoj ni uzadis por nia servo la adresmaŝinon, kiun ĝentile pruntis al ni la Valencia ĵurnalo de la C. N. T.—Tamen, ni rezervis al ni la rajton aperigi fragmentojn, laŭlitere tradukitajn, el artikoloj k dokumentoj rekte ĉerpitaj el la paĝoj de la oficiala gazetaro de la C. N. T. mem, pruvante tiel, ke la diroj k opinioj de la respondecaj gvidantoj de tiu organizo ne koincidis kun la demagogiaj krioj k stultaj mensogoj aperintaj en la esperantista organo. En tiu aspekto, nia metodo estis sufiĉe sukcesa! Iom poste, per privataj informoj, ni eksciis, ke en la vicoj de I. L. E. S. (Ibera Ligo de Esperantistaj Senŝtatanoj) oni multe malŝatis la diktatorecon de tiu bulgara profitemulo. Ni ja atendis pacience la momenton, kiam malkovro de friponeco estus agnosko de nia honesteco fare de la anarkistaj kamaradoj mem. Kaj tiu momento ĵus venis! Nur ni bedaŭras, ke por atingi la sopiratan deziron estis necese trapaŝi la krizan situacion de la nunaj tagoj, kiujn ankaŭ certe la hispanoj supervenkos. Tamen, tio neniel okazos per literaturaj frazoj, sed per obstinaj oferoj. Tial, nun ĉiuj veraj antifaŝistoj senescepte estas pretaj plenumi sian devon. En regula vico, la ĉefredaktoro de POPOLA FRONTO, kiel nova anonima rekruto, inter multaj aliaj, ekmarŝas al la fronto, por haltigi la antaŭeniradon de la faŝistoj, dum la fanfarona eksa ĉefredaktoro de «Informa Bulteno» forkuras, kiel kokino, al Francio kun la intenco, eble, propagandi revoluciajn taktikojn inter la ĝendarmoj de la najbara Respubliko. Malnova proverbo diras, ke ne ekzistas malbono sen bono; tio nun jam evidentiĝis ĉar la danĝerajn paŝojn de la Faŝismo ni haltigos k repuŝos, sed en nia specifa medio neniu ja povos dementi la gravajn faktojn, kiujn hele prezentas la du oficialaj leteroj ĉi-kune aperantaj, por senmaskigi la aŭtoron de fia metodo, tiel ĝue ŝatata de la redaktoro de laboristaj Esperanto-gazetoj de la Parizo k de iu vanta pedanta ĉarlatano loĝanta en Roterdamo. Cetere, ĉiuj anarkistoj, precipe en Svedio k Nederlando, kiuj malgraŭ ĉio restis fidelaj al nia gazeto spertos nun intiman plaĉon, kiu eĉ pli funde karesos ilin pro la frataj rilatoj, kiuj utile kreskos inter la du esperantaj hispanaj gazetoj por komune kunlaboreme informi al la tuta mondo—iomete lame nun k tre pompe eble baldaŭ—pri la mirindaj epizodoj, kiujn per unueco kapablas verki Hispanio por la socia progreso, sen la malbonŝanca ombro de iu alia ekzemplero el profesiaj revoluciistoj k malkuraĝaj viroj.

Apude estas la du valoraj dokumentoj, kiujn ĵus ni ricevis!

En la morala pilorio, de la tutmonda antifaŝista esperantistaro, restas nuda la groteska figuro de fripona homo, kiu, kvereliginte la membrojn de unu sama socia familio, ne kuraĝis eĉ diskrete defendi per faktoj tion, kion tro bombaste li ŝajnis defendi per vortoj. Ni fermas jam definitive—por ĉiam!—tiun ĉi malagrablan temon. Kiel epilogon, ni etendas frate nian manon al vi, kamaradoj de «Informa Bulteno», kiam preskaŭ la tuta redakcio luktas jam ĉefronte por detrui la tiranion, kun gaja espero, pro tio, gajni rajton, post la venko, batali pace, kune kun vi ankaŭ, por la nobla ideo de la esperantismo, kiu unuan fojon, k en Hispanio mem, kalkulas je longa listo da mortintoj falinte martire, unuj, en Kordobo, k heroe, aliaj, tra ĉiuj frontoj de la homa libereco...

LA REDAKCIO

### LOKA FEDERACIO DE ESPERANTO-ANARKISTAJ GRUPOJ

Barcelono 20. Aprilo 1938.

Al la kamaradoj de POPOLA FRONTO, Valencio

Karaj Kamaradoj: Sanon!

Denove mi direktas min al vi por klarigi aferon k peti la publikigon, en via gazeto, de la aldonita noto. Kiel vi rememoros, iam mi skribis al vi por sciigi vin, ke la kampanjoj de INFORMA BULTENO kontraŭ via organo obeis nur al la volo de unu sola individuo. Dekomence INFORMA BULTENO estis direktata de I. L. E. S. sed dum la aperigo de la unuaj presitaj numeroj evidentiĝis la renversiga influo de la nomata kamarado Pario, stranga elemento, kiu eniĝis en niajn vicojn, kun intenco transformi la bultenon en ataka, anstataŭ informa, organo por kies misio ĝi estis fondita, aperante sekve kun tute malsama politika linio. I. L. E. S. estis kontraŭ tiu ŝanĝo, kiu nenion bonan devus porti al nia komuna antifaŝista celo, en la internacia aspekto de nia propagando. Pro tio, k ceteraj internaj aferoj, I. L. E. S. ne plu povis kontroli la esperantistan eldonaĵon de C. N. T.-F. A. I. kiu restis sub la absoluta gvidado de la «antifaŝisto» Mikaelo Langof (Pario).

Situitaj en la opozicio, ni estus povintaj perforte malaperigi INFORMA BULTENO-n sed ni decidis fari ĉion eblan por haltigi la eraran kampanjon pri kio, finfine, ni sukcesis.

Kaj nun, la aferoj estas aliaj. Foriris la falsa kamarado, tremante pro timo, okaze de la faŝista antaŭenirado. Jen, tiu estas la «antifaŝisto» kiu venis Hispanion por helpi la hispanan proletaron, en ĝia batalo kontraŭ la tiranoj. Kaj li, en momentoj danĝeraj, anstataŭ preni pafilon k iri al la fronto, uzis la vojojn al la franca landlimo. Li estas tiu, kiu nur sciis gvidi sektajn propagandojn, k kiu, en la veraj horoj montri solidaran antifaŝistecon, forkuris kiel kokino, sen averti nin k eĉ forrabinte la Esperanto-vortarojn, kiuj troviĝis en la redakcio, apartenantaj al ni. Kunveninte la k-doj de I. L. E. S. eĉ kun alia bulgara kamarado inter ili, unuanime oni decidis senrajtigi k publike senkreditigi la fanfaronulon Langof, kiu montris esti granda hipokritulo k profitemulo, por eviti, ke li ree povu trompi la konfidon de alilandaj gekamaradoj.

Salutas vin, je la nomo de I.L.E.S., k restas je via dispono

*La Sekretario*, ALBERTO MAS

Apudas ronda stampo kun jena surskribo: «Loka Federacio de Esperanto-Anarkistaj Grupoj. T. L. E. S.-I. L. E. S. Barcelono».

La noto, kies publikigon oni petas estas jena:

### I. L. E. S. SENRAJTIGAS LA HIPOKRITULOJN!

En la momentoj, kiam estas pli necesaj ĉies kunagado k ĉiuj fortoj, por kontraŭstari la danĝeron, kiun signifas—por la hispana k tutmonda laboristaro—la rapida antaŭenirado de la faŝistaj hordoj. Kiam ĉiuj antifaŝistoj sin mobilizas por haltigi la faŝistan lavangon, sub la devizo **No pasarán!** la ĝisnuna direktoro de INFORMA BULTENO, bulgaro nomata Mikaelo Langof (Pario) forlasis cinike siajn kamaradojn por kuri al la franca landlimo.

La Naciaj Komitatoj de C.N.T. k F.A.I. decidis forpeli el siaj vicoj ĉiujn taŭgajn homojn, kiuj en momentoj de danĝero forlasus sian lokon, konsiderante ilin, kiel perfidulojn antaŭ la devo.

I. L. E. S. fidela interpretanto de la idealoj de C. N. T. k F. A. I. vidas sin devigata senmaskigi la «sennaciiston» kiu profitis sian naciecon por malkuraĝe forkuri antaŭ la malamiko.

IBERA LIGO DE ESPERANTISTAJ SENŜTATANOJ

Apudas ronda stampo kun jena surskribo: «Loka Federacio de Esperanto-Anarkistaj Grupoj. T. L. E. S.-I. L. E. S. Barcelono».

# Ni multobligu helpon al niaj hispanaj klasfratoj!

Loĝante apud Pireneo-ĉeno, mi iom travivis la odiseon de la hispanoj, kiuj alvenis Francion. Sur kaprinvojetoj neĝokovritaj k danĝeroplenaj, ili grimpis ĝis la koloj, altaj je pli ol 2 mil metroj, k trafis Francion post longa daŭra penega marŝado. Antaŭ ol atingi la landlimon, tiuj kuraĝaj, sed doloraj karavanoj, estis mitralitaj de la ŝtalaj vulturoj de Hitler k Mussolini. Viktimoj estis semitaj survoje!... Ploroj, sango ĉiam! Laŭ la volo de Hitler k Mussolini k de ilia pajla fihomo: Franko. Laŭ la volo de la kapitalistoj, kiuj intencas kapti la hispanajn riĉaĵojn, ekspluati, terore subpremi la fieran heroan hispanan popolon. Infanoj, virinoj, maljunuloj la cegaj, malsategaj, fine eniris Francion. Tie, plezure ni devas diri, ke ili renkontis fratan laborularon, kiu kompatis tutkore k helpis senhezite la klasfratojn, ĉaspelitaj de faŝistaĉoj. En mia vilaĝeto (nur 65 geloĝantoj) ni kolektis pli ol 200 frankojn—(Vi traduku laŭ 80 pankilogramoj.)—Multaj alportis vestaĵojn, nutraĵojn, monon. Mi mencios malriĉan 80-jaran maljunulon. Li donacis al ni dek frankojn, dirante: «Mi min privos je tabako!» Ĉu tio ne estas kortuŝa gesto?

Sed kiel ne kompati antaŭ tiom da mizero! Virinoj kun novnaskitaj bubetoj sur brakoj, aliaj gravedaj, maljuna patrino portita de du filoj, milicano kun ligna kruro, ĉiuj fuĝis sur glitantaj vojetoj, apud kolerplenaj torentoj, kien multaj falis senespere... Virino ne rezignis forlasi sian karan bubeton, mortigita de kuglo sur patrina brusto... Fine la malfeliĉulino estis devigata lasi la kadavreton sur malvarman neĝlulilon... Patrinoj el la mondo: ne forgesu tiun hispanan patrinon, ne forgesu ĉiujn aliajn patrinojn, al kiuj la senhonora Franko masakras la infanojn per aviadilbomboj. Patrinoj el la tuta mondo: ne forgesu la teroran kalvarion, travitita ĉiutage de la hispanaj patrinoj! Vi, kiuj ankoraŭ eniras preĝejon ne forgesu, ke la fifama Franko sintitolas katoliko! Ke li estas kaŝe malkaŝe apogita de la pastroj, episkopoj, papo! El kiom da krimoj tiu lakeaĉo de Hitler y Mussolini respondecas antaŭ sia propra patrio! Hieraŭ li bombis la sendefendajn civilajn popolojn. Hodiaŭ per flamĵetiloj, li bruligas siajn samlandanojn. Morgaŭ li kuraĝos utiligi la venengasojn. Certe ĉiom je la nomo de Kristo, de Dio, ĉu ne? Se vi havas ankoraŭ sanan cerbon, eĉ se vi estas neŭtralaj esperantistoj, vi ne povas resti toleremaj pri tiaj krimoj, neniam ekzistintaj antaŭ la mondhistorio!...

Proletoj el la tutmondo: ni devas pli streĉe unuigi niajn fortojn k helpi konkrete niajn klasfratojn hispanajn. Ili heroe luktas senkompate kontraŭ la abomena Faŝismo. Ilia lukto estas nia. Surstrate, per strikoj, per rekta amasa agado, potence ni devas devigi la «demokratajn» registarojn permesi al la hispana registaro, la aĉeton de militilojn, tiel necesaj por ĝia propra defendo. Ĝis nun, la fifama Londona politiko nur helpis Frankon. Ni ne plu permesu la daŭron de tiu tragika farso. Ni ne estu kunkulpaj de tiom da sango verŝita pro neegala lukto. For la cinika Londona komedio titolita Ne-Interveno. Armilojn por Hispanio! Franko reprezentas certe nur sin mem. Li estas nur ludilaĉo inter la fiaj manoj de Hitler k Mussolini.

98 °/₀ el la milicanoj alvenintaj en Francio—spite al neegala senkompata lukto—elektis reiron al la respublika zono. Mi vidis la vagonarojn, kie vojaĝis la lojalaj soldatoj. Ili estis tute plenplenaj de homoj entuziasmaj, laŭte salutantaj, per streĉitaj pugnoj, la francan popolanaron. Mi vidis la 150 faŝistojn aŭ timemulojn, kiujn oni varbis—ofte per mono!—ili tute silente, preskaŭ timeme trairis la stacidomon... Ili certe konsciis pri sia fiagado. Ili ankaŭ sentis la malaprobon de la francaj fervojistoj, kiuj kontraŭe elkore helpis k frate akceptis la fervorajn respublikanojn.

Kamaradoj el tutmondo: ni devas unuigi niajn fortojn k pli konkrete helpi la mirindan Hispanion, kiu per sango, larmoj k doloroj kontraŭstaras la furiozajn bategojn de la monstra faŝisma drako.

**Helpu Hispanion nek per fazeoloj, nek per ambulancoj, sed per aviadiloj, tankoj, kanonegoj! Ĉie postulu profite de lojala Registaro la liberan komercon de la militiloj! Ĉie bojkotu la faŝistajn murdistojn!**

Kaj tiamaniere ni evitos al ni suferi, en proksimaj tagoj, similajn dolorojn!

J. LEZAN Pouy (Francio)

# NIA POŜTO

## El Amsterdamo

En unu el la plej grandaj salonoj de la urbo, jam la tre konata komitato «Helpo al Hispanio» organizis especialan kunvenon por pruvi nian fidon al la Hispana Respubliko. La salonego estis tute plenplena de gekamaradoj, kiuj atente aŭskultis la paroladojn de diversaj personoj, ĵus revenintaj el Hispanio. Ili ĉiuj laŭdis la sindonecon de la hispana popolo, kiu heroe batalas sen la necesaj iloj. Preskaŭ ĉio mankas, kio rapide estus pagebla nur se oni permesus tion. Dank' al la Ne-Interveno, tuta popolo estas buĉata kiel bovidoj, tial ke ili ne havas sufiĉe da aviadiloj, modernaj kanonoj, k. t. p. Suferas miloj pro manko de ortopedaĵoj. Patrinoj k infanoj malsatas pro manko de lakto, sukero, k. t. p. Ni, loĝantoj en paca lando, almenaŭ zorgu, ke la komitato povu plenumi multon. La monkolekto sumigis preskaŭ 1.500 guldenojn. Tio montras la solidarecon, vivanta ĉi tie. La hispana konsulo emocie dankis pro ĉia montrita oferemo en Nederlando. Nia popolo neniam subiros! Vivu la Hispana Respubliko!

PETRO DE L' BRETO

## El Aŭstrio

Ŝatataj k-doj! Pro la nuna rigora stato en mia lando, kion vi verŝajne jam bone scias, ne plu estas eble sendi al mi vian karegan valoraĵon, kia estas P. F. por mi. Ni nun estas kolonio germana k jam oni ne plu rajtas legi ĵurnalojn aŭ gazetojn el demokrata aŭ respublika lando. Tamen mi restas, same kiel ĉiuj miaj amikoj, disĉiploj fidelaj al nia ideo, kiu same kiel en Germanio, tuj estos malpermesita. Ricevi P. F. nuntempe signifus enkarcerigon! La kontrolo k cenzuro estas akurate severaj. Tamen mi petas konservu ĉiujn aperigontajn ekzemplerojn, por ke mi alitempe povos legi ilin. Mi tempe al tempe sendos al vi novaĵon, sed sendu al mi respondkuponojn ĉar treege malriĉa mi estas k senlabora. Via

AŬSTRIANO

La prudenta letero de nia aŭstria amiko devigas nin memori pri la sorto, kiun atendas la fama Esperanto-Muzeo de Vieno, funkcianta ĝis nun sub la ŝtata patronado. Sufiĉe konata estas la Hitlera sistemo por similaj institucioj: rapida forbruligo! Antaŭ la nepra danĝero de valoraj kolektoj k objektoj en k pri Esperanto, ni miras pri la «diskreta» silento de la respondecaj gvidantoj de la neŭtralaj organizoj, kiuj, defendante tiel absolute sian neŭtralecon, praktikas la Ne-Intervenon eĉ kiam la hokokruco markas sklavecon sur la signon de la verda stelo!

LA REDAKCIO

# MOZAIKO



ROOSEVELT
Usona Prezidanto

● Por reprezenti ja pli komplete la tutan popolon, en la nuna fazo de la milito, reorganiziĝis la Registaro kun rekta partopreno de la Sindikataj Organizoj; la delegito de la U. G. T. estas ministro por Justeco dum la delegito de la C. N. T. estas ministro por Publika Instruado; ĉiuj aliaj tendencoj senescepte estas rekte reprezentataj.

● Pro la ĵusaj atakoj de la faŝistoj, en direkto al la Mediteraneo, la lojala zono restas dividita je du partoj. Por la ĉefa komando de la nekataluna zono, la Registaro elektis la faman generalon Miaja, kiu jam zorgas atente pri la entuziasma defendo de la valora teritorio dependanta de lia talenta k fervora gvido.

● Evitante fali sub manoj de la faŝistoj, en pirinea sektoro, 4.350 soldatoj transpaŝis la landlimon k eniris en Francio; en plej proksima vilaĝo, la francaj aŭtoritatoj, sen interveno de hispanaj oficiroj, kontrolis k zorgis plenumi la dezirojn de la soldatoj por liveri ilin laŭvole al unu el la du Hispanioj. La rezultato estas helal: 4.200 soldatoj elektis tuj reveni al Barcelono por daŭrigi la batalon. Nur 150 soldatoj preferis iri la faŝistan Hispanion tra Hendaye k Irun. La komentoj superfluas!

● La sperta kamarado Alvarez del Vayo, nova ministro de Eksteraj Aferoj, petis oficiale al la Sekretario de la Ligo de Nacioj ke en la proksima kunsido de la 9. de Majo estu diskutata la invado en Hispanio de la armeo de Germanio k Italio. Oni scias pri la nula rezultato sed oportune estas, dum oni batalas, denunci en publika tribuno internacia la senhontajn agojn de la modernaj despotoj.

● En Londono okazis grava konferenco kun la celo unuigi ĉiujn klopodojn el plej diversaj Komitatoj por Helpo al Hispanio. La decidoj estas oportunaj k konkretaj; ili certe efikos tre multe sur la publika opinio de Anglio pruvante samtempe ke la faŝismeco de Chamberlain ne kongruas kun la nobla sinteno de la angla popolo.

● Juliano Zapatero, kvindekjara profesoro de filozofio en la Instituto de Linares, ĵus sendis petskribon al la Milita Ministerio deklarante, ke ĉar li sentas honton, dum ĉi tiuj cirkonstancoj, en tiom kvieta posteno, li petas, ke oni akceptu lin, kiel volontulon, en iu ajn milita fronto, kie li povu esti utila.

● En Albacete, sidejo ĝis nun de la Internaciaj Brigadoj, funkciis diversaj laborejoj je kudrado por la eksterlandaj volontuloj. Antaŭ ol foriri al sia nova sidejo, la internaciaj kamaradoj ĝentile donacis la kudromaŝinojn al la laboristinoj, kiuj diligente kudris iliajn soldatajn kostumojn dum la longa daŭro de unu jaro k duono.

● Bona pruvo pri la intencoj de Franko, rilate la aŭtonomion de Katalunio, estas la fakto, ke tuj kiam la invadintaj trupoj eniris en la teritorion de tiu grava regiono; la «registaro» de Burgos, per emfaza dekreto, nuligis la Statuton, kiun la Respubliko aprobis por Katalunio. Tamen, la katalunoj, per obstina defendo, pretiĝas fiaskigi tiujn despotajn planojn...

● La laboristoj de Giborts, franca regiono, decidis patronadi vilaĝon ĉe la batalfronto proksima al Madrido; en lasta kunveno de la koncerna Provinca Konsilantaro, oni decidis proponi, por tiu solidara patronado, la tre konatan vilaĝeton Arganda.

# KION ONI DEVAS FARI KAJ KION ONI DEVAS NE DIRI

Nia bona amiko Jean Marchand el Troyes (Francio) tradukis k sendis al ni jenan interesan artikolon, kiun verkis la urbestro de la menciita urbo.

Oni krias: «Aviadilojn, kanonojn por Hispanio!»

La malfeliĉaj hispanaj batalantoj, kies heroismo estas treege superlaŭdega, petas malpli paroladojn ol efektivan helpon. Ĉu Francio fermis sian landlimon? Ĝi diris oficiale: Jes!

Al vi mi ne diros kion mi pensas pri tiu oficiala aserto. Nure mi asertas, ke—pro la ĉeesto de nekaŝita helpo farita de rabemaj nacioj k pro la neceso defendi nian trian landlimon—ni devas preterlasi nenion por eviti renversiĝon de registaro, kiun prezidas doktoro Negrin.

La treege bona popolo el Francio estis dolore kortuŝita pro la lastaj ribelaj venkoj en la Aragona fronto; k ĉi tiu doloro ne estas ŝajniĝa... Tamen ĉu estas necese proklami *urbi et orbi* ĉion kion oni decidis fari?

*That is the question!*

Mi opiniis oportune traduki tion, kion opinias Leono Blum, almenaŭ kion mi kredis kompreni pri lia statanimo, kiun li elmontris ĉiumomente. Ni deziras la triumfon de la demokrataj ideoj en Hispanio; ni volas eviti al nia lando vidi germanojn definitive starantajn sur nia pirinea landlimo k la italoj situataj en Maljorko.

Ne ekzistas unu franco, kiu povas opinii aliamaniere. Kion nia lando povus gajni oficialigante tiun vidpunkton? Tio estas la problemo!

Mi legis emocie la rezultaton de Internacia Konferenco en Parizo por Helpo al Hispanio, kiu okazis la 16. de Januaro. La paroladon de Jef Dast, nederlanda verkisto, k leŭtenanto de la hispanaj milicoj, mi legis.

Li diris jenon:

«Mi volus paroli al vi nur dum kelkaj momentoj, pri la graveco k signifo kiun tiu helpo havas por ni mem, kiuj estas en tranĉeoj. Mi havis feliĉon, tion mi kuraĝas diri, gek-doj, ĉeesti, dum tri monatoj, epizodon certe la plej tragikan sed samtempe ankaŭ la plej belegan el nia historio; t. e. la spektaklo de armita popolo, kiu nun skribas per sia sango *Iliado*-n pli belan ĉar pli humanecan, ol tiu de Homero...

Kiom ofte, kiam ni vidis 40, 50 aŭ 60 bombardaviadilojn flugi super Madrido; kiam ni vidis malaperi tiun tutan belegan urbon inter pulvonuboj kiom ofte ni opiniis tra la tranĉeoj: «Estas pli danĝere nune loĝi en Madrido ol batali sur la kampoj de la batalfrontoj!

Kaj kiam oni revenis dum tri permestagoj, mi ne memoras pri vidaĵo pli terura ol trairi la stratojn k konstati ĉiufoje, ke la urbo estis plu suferanta; ke tia kafejo. kie ni iris ankoraŭ kelkajn tagojn antaŭe ne ekzistas plu; ke tia domo en kiu oni vizitis geamikojn estis detruita; estis por ni terura spektaklo iradi antaŭ la ruinoj el hospitalo, ankoraŭ fumiĝanta; vidi Nacian Librejon cindrigita! Tiam, oni marŝis matene tra tiuj stratoj, kie la vitraĵoj el ĉiuj domoj estis rompitaj; oni vidis virinojn starantajn vice antaŭ butikoj, pro manko de manĝaĵoj; k kvankam oni preskaŭ ekploris, tiuj virinoj ne ploris... ili salutis nin per forlevita pugno! La geknaboj marŝis kun ni k kantis; knabinoj prononcis pri ni ironiajn dirajojn; oni havis impreson vidi gajeman urbon... urbo, spite al ĉiu okazo, fidanta entuziasme k fervore je la venko!»

Ĉu tio diras al vi nenion? Ĉu vi opinias, ke kiam Villebois-Marevil helpis la «Boers» k la heroan prezidanton Kruger, li opiniis aliamaniere? Oni devas sendi aviadilojn k kanonojn al Hispanio, kiel Hitler k Mussolini helpas Hispanion de Franko, *nenion dirante!* Diri tion estus deziri *casus belli.* Tiuj virinoj, tiuj viroj kiuj mortas, deziras efektivan helpon. Ili ne postulas, ke ni «transportu» la militon en nian landon.

Jen nia vidmaniero! Ĝi ekzistas hodiaŭ kiel hieraŭ. Ni ne volas ellasi la «rabaĵon por la ombro»... sed ni ne forgesas, ke hispanoj defendas **sian** sendependecon k la **nian** samtempe. La stulteco de la francoj en Fontenoy kriante: «—Sinjoroj Angloj, pafu vi unue!»—ne devas denove reaperi!

**La maksimumon por la sendependeco de Hispanio k ĉion por la paco: jen estas nia doktrino!**

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 45 | ptoj. |
| P. C.—Barcelono . . . . | 12 | » |
| G. F.—Bazo 1.ª . . . . . | 25 | » |
| A. M.—Callosa de Segura. . | 5 | » |
| V. H. Ll.—Bazo 8.ª. . . . | 10 | » |
| Sro. C.—Alcazar de S. Juan. | 8'60 | » |
| R. V. M.—Chiva. . . . . | 5 | » |
| J. M.—Peralada . . . . . | 1 | » |
| E. H.—Bazo 3.ª . . . . . | 75 | » |
| Casal Catalá.-Buenos Aires | 60 | » |
| F. A.—Barcelono . . . . | 50 | » |
| H. M.—Albacete. . . . . | 200 | » |
| M. M.—Ciudad Lineal. . . | 10 | » |
| F. D.—S. R. I.—Albacete. . | 30 | » |
| J. B.—Callosa de Segura . | 5 | » |
| M. M.—Denia. . . . . . | 20 | » |
| Schalmey.—Orihuela . . . | 10 | » |
| F. F. N.—Barcelono . . . | 5 | » |
| E. M.—Castuera. . . . . | 5 | » |
| L. J. P.—Villarreal . . . . | 10 | » |
| S. P.—113. Brigada Mixta. . | 25 | » |
| F. R.—Bazo 2.ª . . . . . | 10 | » |
| F. P. E.—Elche . . . . . | 10 | » |
| K-dino J.—Den Haag . . . | 1 | gd. |
| G. K.—Senlaborulo. . . . | 0'17 | » |
| FLE-Sekcio.—Eindhoven. . | 2'50 | » |
| » Kriupen. . . | 1'50 | » |
| T. Zegers.—Eindhoven . . | 1 | » |
| J. Pranger.—Breozand. . . | 10 | » |
| FLE Sekcio 15.—Rotterdam. | 1'05 | » |
| M. Coerver.—Heerlerheide . | 1 | » |
| J. D. v. d. E.—Santpoort. . | 5 | » |
| L. V.-N.º 9 v. d.-L.—Haarlem. | 3'85 | » |
| » N.º 3 Nag. » . | 1'45 | » |
| » N.º 3 v. o. » . | 0'50 | » |
| » N.º 3 v. d. L. » . | 0'25 | » |
| » N.º 3 Lav. » . | 0'25 | » |
| » N.º 5 v. O. » . | 1 | » |
| » N.º 5 v. d. L. » . | 0'25 | » |
| » N.º 5 L. a. v. » . | 0'25 | » |
| » N.º 6 A. N. » . | 5'75 | » |
| » N.º 1 B. » . | 0'65 | » |
| F. Z.—Heerlem . . . . . | 1'20 | » |
| B. H. L.—Rotterdam L. . . | 2 | » |
| FLE-Sekcio.—Winsterswyh. | 1 | » |
| F. C.—Amsterdam . . . . | 0'25 | » |
| Y. v. d. R.—Alblasserdam. . | 0'50 | » |
| F. de R.—Amsterdam O. . | 1 | » |
| J. v. D.—Rotterdam. . . . | 0'50 | » |
| A. S.—Amsterdam 2 . . . | 0'29 | » |
| Sekcio 10.—Amsterdam . . | 1'15 | » |
| G. J. W.—Den Haag. . . . | 2 | » |
| D. O.— . . . . . . . . | 1'40 | » |
| R. G.—St. Etienne . . . . | 20 | ffr. |
| V. R.—Paris . . . . . . | 10 | » |
| J. L.—Le Mans . . . . . | 15 | » |
| Solidarita.—Plzen . . . . | 22'22 | » |
| J. A.—Sallaumines. . . . | 10 | » |
| A. P.—Tours. . . . . . | 10 | » |
| G. E. O.—Orleans . . . . | 14'50 | » |
| V. P.—Cagnes s' Mer. . . | 20 | » |
| J. E.—Sallaumines. . . . | 10 | » |
| A. R.—Chartres. . . . . | 5'20 | » |
| J. L.—Marseille . . . . . | 10 | » |
| H. A.—Lauwemeran . . . | 50 | » |
| P. S.—Halluin. . . . . . | 25 | » |
| L. A. W.—Yova City . . . | 10'50 | » |

## DANAJ AMIKOJ, ATENTU!

Nova nia peranto por Danio estas

**D. L. E. A. DANA LABORISTA ESPERANTO ASOCIO**

KASSEREREN, AABIHOJ Poŝtkonto: 19906

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

**ĜENERALA INTERNACIA ADRESO**
nur por mono
GUSTAVE FARENC
53, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

**NEDERLANDA ADRESO**
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

**BELGIO**
K-DO M. DELFORGE
33, Rue de Heigne
Postĝiro 199106
CHARLEROI

**ANGLIO**
K-DO O. MELTON
23 Fowler Str. Nechells
BIRMINGHAM 7

**SVEDIO**
ARBETAR ESPERANTISTEN
Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.
Postĝiro n.º 53411
STOCKHOLM

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO—Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## INFORMEJO

### ONI INFORMAS, KE

K-do Luis Torres informas al siaj amikoj k gekorespondantoj, ke lia nova adreso estas: Societo «Paco k Amo», Juneca Esperanta Fako str. Travessera 129, 1.ª

### ONI SCIVOLAS PRI:

K-do T. Geuzebroek, Westzaan, Weiver G. 63 scivolas pri k-do Emilio Porta, strato Rosellon, 427, 6.º, 1.ª, Barcelona.

K-do Gerrit Gieron, el Zaandam, Nederlando. Lia lasta adreso en Hispanio estis: S. R. I. Plaza de Altozano, G. P. 20, Albacete.

K-do Lambertin, el Marseille, petas informojn pri sia korespondanto José Soria, kies lasta adreso estis: 103 Bataliono M. Depósito, 2.ª Sección. Frente Villaharta. Pozoblanco (Córdoba).

K-do Karl Axelsson, Dalgatan 7 B. nb., Sodertalje, Svedio petas sciigojn pri k-do Hans Martens, Albacete.

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—K-do. Amadeo Llatse, 65 Brigada Mixta de Carabineros, 2.º Batallon, 4.ª Compañía, Base 1.ª, C. C. n.º 4, dez. kor. k. ĉ. l. precipe kun Sovetio.

SOVETIO.—K-do Vladimir Barkov, Bolŝaja Streleckaja 76, kv. 4, Voronej, dez. kor. k. ĉ. l. precipe kun Hispanio, p. ĉ. t. k interŝanĝi il. gazetojn k P. K.

SOVETIO.—K-do Nikolaj J. Kurganskij, str. Naberejnaja 18, Lipezk, dez. kor. k. ĉ. l. pri teknikaj temoj (radio k foto) k dez. ricevi teknikajn jurnalojn, gazetojn k librojn. Ankaŭ P. M. interŝanĝos.

## AVIZOJ

La anoncita broŝuro pri la hispana arto detruita de la internacia faŝismo estas jam preskaŭ preta en la litografejo. La nunaj cirkonstancoj estas malhelpo por akurata ekspedo, sed ni zorgas por ke ĉiu petinto ricevu siajn ekzemplerojn.

Kvankam la surteraj komunikiloj inter Barcelono k Valencio ne funkcias nun, tamen la poŝtaj rilatoj inter ambaŭ urboj tute ne ĉesis. Oni povas sentime adresi al nia redakcio ĉion ajn, kiel antaŭe. Por urĝaj aferoj ni rekomendas uzi la aerpoŝtan servon

## POPOLFRONTA LETERUJO

J. B.—Londono.—Vian leteron ni legis kun sama intereso. Kiel vi bone konstatas, okazintaĵoj sin sekvas rapide. Ni fidu al glora fino. Ni notas viajn indikojn k sendas varman manpremon.

G. N. — Stockholm. — Ni ricevis vian leteron kun artikolo k bildo. La artikolon ni aperigos laŭeble. Letero kun fotaĵo k libro ankaŭ alvenis. La fotaĵon k libron ni transsendas al k-do. Kiles k la enhavon ni bone notas, sen komentoj; estu certa ke ni ne forgesos. Korajn dankegon k saluton!

J. M.—Brno.—Kun via letero ni ricevis kvar respondkuponojn. Ni publikas petitajn anoncetojn. Koran saluton!

S. C.—Malmo.—Ni ricevis vian leteron kun gazeteltranĉaĵoj k dankas ĝian enhavon.

I. S.—C. Quijano.—Via letero trafis nin. Regule ni sendadas al vi la gazeton; tial ni ne konas la kaŭzon pri la ne alveno en viaj manoj. Pri via monsendo ni respondos al vi.

B. P.—Znojmo.—Ni notis vian translokiĝon k dankas pro la senditaj R. K.

A. H.—Kromeriz. Vian ŝatatan leteron ni ricevis k ankaŭ la gazetojn k P. M. La eldonotan broŝuron vi siatempe ricevos.

G. N.—Stockholm.—Ni dankas vian leteron k bone notas ĝian tutan enhavon. Al k-do Kiles ni sendis la libron k foton. Ankaŭ ni de vi ricevadas amason da gazetoj kun tradukaĵoj de P. F. Al la adreso de «Stormklockan» ni sendos la gazeton regule. Dankon por ĉiuj viaj klopodoj por nia afero!

S. E. L. N. — Rotterdam. — Ni notas k aprobas la enhavon de via letero, tiel vi povas agi laŭ proponite. La kvanton da ekzempleroj de nia gazeto al vi sendata ni pliigas ĝis la nombro menciita. Saluton!

K. K.—Albacete.—Ricevinte vian P. K. ni notas vian novan adreson k ĝojas aŭdi denove pri vi. Ne ricevinte ĝis nun viajn sciigojn, ni jam timis pri via sorto. Tre amikan saluton!

L. P.—Villarreal.—Vian P. K. ni ricevis k tuj ni sendis al vi la petitan gramatikon. Ankaŭ la mono estas ricevita. Bonfartu!

L. E. S.—Aarhus.—Ricevinte vian salutan leteron ni dankas k kamarade reciprokas la saluton.

B. R. — Plzen-Letna. — Ni ricevis vian leteron k fotojn, kiujn ni disdonas, laŭ viaj instrukcioj. Ankaŭ ni skribas al la koncerna oficejo, kiun vi indikas, k esperas, ke ĝi komplezos vin.

J. R. H. — Goteborg.—Vian leteron ni ricevis k publikigas vian anoncon. Ni respondos vin perletere.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia